# NIAJ GRUPOJ



*GIJON*

La Esperanto-Grupo "Jovellanos" de Ateneo Jovellanos daŭrigas sian viglan funkciadon pri kiu amplekse informis kaj informas la Radio kaj la lokaj kaj provincaj ĵurnaloj.

Sekve de tiu intensa propagando kaj serioza informado fare de la Grupo, ĉijare estis necese organizi kursojn de Esperanto en "Círculo de Idiomas" kaj en la kulturdomo "Sociedad Cultural Gijonesa", kiuj vekis grandan intereson en la urbo.

La kursoj komenciĝis la 21-an de januaro kaj la 15-an de februaro respektive, ambaŭ sub la gvidado de Sro. Santiago Mulas kiel profesoro; partoprenas ilin 30 entuziasmaj gejunuloj.

Laŭ informoj de la Sekretario, Sro. José Ordieres, la Grupo "Jovellanos" havas grandajn kaj ambiciajn projektojn, kiujn oni diskonigos en oportuna momento.

*VALLADOLID*

SEMAJNO DE INTERNACIA AMIKECO

Por celebri adekvate la Semajnon de Internacia Amikeco, la Esperanto-Grupo "Fido kaj Espero" de Valladolid, organizis diversajn aranĝojn la sabaton 27-an de Februaro, kiuj okazis, kun ĉeesto de pli ol 50 personoj, en ĝia sidejo.

Je la 8,15 vespere, sub prezido de Sro. Díez García, Prezidanto de la Grupo, akompanate de du estraranoj, komenciĝis la aranĝo per salutvortoj de Sro. Díez en hispana lingvo, per kiuj li klarigis la signifon de la Festo, kiun ni celebras, kaj ankaŭ, la signifon de la vorto Amikeco kaj konkludis dirante ke amikeco estas fundamenta bazo por la paco. Multaj aplaŭdoj sigelis la paroladon de nia estimata Prezidanto. Poste, nome de la invititaj Asocioj, parolis Sro. Santaolaya, estrarano de la Vegetarana Asocio, kiu montris sian ĝojon pro la celebrado de ĉi tiu festo kun la Esperanto-Societo, emfazante la komunajn punktojn kiujn havas ambaŭ asocioj. Je la fino de sia paroladeto, nia Prezidanto manpremis lin en simbolo de amikeco inter Esperanto kaj la Mondo. Sekve Sro. Gamboa y Sánchez, Vicprezidanto de la Grupo, prezentis al la multnombra ĉeestantaro, diskojn kun kanzonoj en la Internacia Lingvo. Inter ili ni aŭskultis: "Se ni havus martelon" kaj "Israela lulkanto" kantatajn de la nederlanda "Duo Espero" kaj la popularan katalunan kanton "Jen Empordá" kantatan de la Ĥoro de la Barcelona Universitato. (Tiun ĉi diskon oni gravuris okaze de la XXIVa H.E.K.). Ankaŭ por montri al la neesperantistaj ĉeestantoj la taŭgecon de Esperanto kiel internacia interkomprenilo, ni aŭdis la voĉojn de diversnaciaj esperantistoj kiuj salutis dum la 49a U.K. Per la kantado de la Himno "La Espero" finiĝis la unua parto. La dua konsistis el lunĉo, donaco de la Grupo al la ĉeestantaj samideanoj kaj amikoj. Tiel en amikeca etoso la Valladolid-a Grupo celebris ĉijare la Semajnon de Internacia Amikeco.

L. HERNANDEZ

---

## ANTONIO FERRER SOLER

La 25-an de aprilo forpasis en La Laguna, en la aĝo de 61 jaroj, Sro. Antonio Ferrer Soler, malnova esperantisto, konstanta membro de Hispana Esperanto-Federacio.

Li estis kunfondinto de la Grupo Laborista de Valencio, kaj en La Laguna ĉiam vigle partoprenis la agadon de la Esperantista Societo de Tenerifo, kies membro li estis ekde ĝia fondiĝo.

Li pace ripozu!!!

Al lia vidvino, S-ino Consuelo Hervás Navarro, ankaŭ esperantistino, kaj al liaj gefiloj kaj ceteraj gefamilianoj ni esprimas nian sinceran kondolencon. Aparte ni tion faras al lia filo Sro. Antonio Ferrer Hervás, nuna Prezidanto de la Esperantista Societo de Tenerifo kaj Sekretario de la Loka Kongresa Komitato de la XXIX Hispana Kongreso de Esperanto, okazinta en La Laguna.

## Eŭgeno Aleksejeviĉ Bokarev

La 11-an de marto forpasis en Moskvo nia elstara samideano kaj kara amiko prof. Dro. Eŭgeno Aleksejeviĉ Bokarev, doktoro de filologiaj sciencoj, universitata profesoro kaj membro de la Akademio de Esperanto.

Lia forpaso lasas grandan malplenon inter la sovetaj esperantistoj, kies landa prezidanto li estis, kaj ankaŭ en la koro de liaj amikoj.

Al niaj sovetaj samideanoj nian plej sinceran kondolencon. La memoro de Prof. Bokarev restos ĉiam inter la esperantistoj, kiuj lin konis.

PACAN RIPOZON AL LI!!!

---

## Manuel Palet Beltrán

La 19-an de marto mortis en Sabadell Sro. Manuel Palet Beltrán kiam li aĝis 67 jarojn.

Nia forpasinta samideano estis aktiva propagandisto de Esperanto, lingvo kaj ideo.

LI PACE RIPOZU!!!

Nian plej sinceran kondolencon al liaj familianoj kaj al la Centro de Esperanto Sabadell, kiu denove perdis unu el siaj membroj.

---

## Fernando Oyarzábal Tejada

La 18-an de marto subite mortis en Bilbao nia karmemora kaj ankoraŭ juna samideano Fernando Oyarzábal Tejada, komerca agento, en la aĝo de 45 jaroj.

Agema kaj laborkapabla esperantisto, li tre kontribuis al la organizo de la du lastaj naciaj kongresoj okazintaj en Bilbao.

Lia forpaso forte ŝokis kaj kortuŝis la esperantistojn de Bilbao, kiuj pie ĉeestis la funebrajn ceremoniojn.

LI RIPOZU EN PACO!!!

---

## Angel Bolaños Martinez

Ankoraŭ kun la doloriga impreso de la morto de nia samideano Oyarzábal, denove nin draste frapis alia amara novaĵo: la 31-an de marto nia ŝatata amiko Angel Bolaños Martínez, forpasis ankaŭ subite, en la aĝo 55-jaroj. En la nokto de sia forpaso, li estis en la Esperanto-Grupo de Bilbao ĝis la 10ª aŭ 10,30 h., proksimume, kun siaj edzino kaj filino. Kelkajn horojn poste li pereis, pro infarkto de la miokardio.

Fidela, bona amiko kaj samideano, tre sperta fotografisto, Kasisto dum pluraj jaroj, de la Esperanto-Grupo de Bilbao, Bolaños lasis post si, ne nur grandan vakuon en la propra familio sed ankaŭ en la Grupo.

PACAN RIPOZON AL LI!!!

---

La ĵus ricevitaj informoj de Bilbao, kiujn mi aperigas en ĉi tiu paĝo de BOLETIN, profunde kortuŝis nin, ĉar ni bone rememoras la sindonon kaj simpation de niaj forpasintaj samideanoj, Sro. Oyarzábal kaj Bolaños.

Por ties familioj kaj por la Grupo Esperantista de Bilbao, kiu perdis du el siaj plej aktivaj membroj, nian sinceran kondolencon.

RED.

# EXTREMADURA



Monaĥejo Guadalupe

Oni diras ke la ekstremadurano estas plej hispana hispano.

Extremadura (Ekstremaduro), hispana regiono situanta en la sud-okcidento de la lando limas kun Portugalujo, kaj konsistas el du provincoj, la plej grandaj de Hispanujo. En la pasinteco ĝi apartenis al la Lusitania, roma provinco kun Mérida kiel ĉefurbo; en la araba epoko ĝi fariĝis potenca regno maŭra, ĉefurbo Badajoz; en la XIVa jarcento ĝi integriĝis al Hispanujo.

Gi donis al la historio homojn fame konatajn en la tuta mondo: Alonso de Monrroy, D. García de Paredes, Hernán Cortés, Francisco Pizarro, F. de Orellana, San Pedro de Alcántara, la filozofo Donoso Cortés, Espronceda, Zurbarán, Godoy —Princo de la Paco—...

Geografie la teritorio dividiĝas en du provincojn: Cáceres kaj Badajoz, la Alta kaj la Malalta Ekstremaduro respektive. Kvankam tiu divido estas natura, la vasta teritorio ekstremadura konsistas el diversaj regionoj de malnova kaj ne malpli natura origino.

La norda parto estas regiono fruktodona, riĉa kaj tre bela, kun klimato subtropika. En ĝi staras la fama Monaĥejo de Yuste.

En la Malalta Ekstremaduro aŭ provinco Badajoz troviĝas La Serena kaj Tierra de Barros, regionoj ĝemelaj, eksterordinare fruktodonaj, kun urboj riĉaj kaj dense loĝataj, kie ekzistas ankoraŭ la mirinda kampara paco, tiel bele kantita de Gabriel y Galán kaj Chamizo, popularaj poetoj de la vivo humila kaj simpla. Ambaŭ regionojn, tre malproksimajn unu de la alia, disigas riĉaj kaj vastaj paŝtejoj kiuj konsistigas provizejon neelĉerpeblan de ĝiaj multnombraj gregoj kaj de la transmigrantaj brutaroj de Castilla.

Se ni dezirus difini la karakteron de la ekstremaduranoj, ni elektus tiujn du vortojn: sincero kaj noblo; en sinteno serioze digna kaj vireca.

La vojaĝanto povas ĝui en la urbetoj kaj vilaĝoj el Ekstremaduro grandan riĉon de folkloraj manifestiĝoj. Montehermoso (Cáceres), estas la sola vilaĝo en kiu oni uzas ankoraŭ la tipan regionan kostumon. La virina pa-

rad-kostumo de Montehermoso, sendube la plej riĉa de la regiono, restas kiel simbolo de la tipaj kostumoj el Ekstremaduro.

La popola esktremadura lingvo tre similas al tiu de la Alta Andaluzio.

Pro diversaj kaŭzoj la nekalkuleblajn artajn belaĵojn de la regiono oni ne ĝuste taksis en niaj art-historioj, tial ilin oni ne sufiĉe konas.

Ekzistas en la regiono diversaj unuarangaj artaĵoj, kiuj meritas apartan viziton: la Monaĥejo de Guadalupe; la tutaĵo de la gotika urbo Cáceres; la romaj relikvoj de la urbo Mérida, la mezepoka arkitekturo de Trujillo, la ponto de Alcántara, ktp.

Kaj, kiu ne aŭdis paroli pri Yuste? La plej bela heroaĵo de tiu heroa Reĝo, Carlos la Iª de Hispanujo, Imperiestro de Germanujo, estis lia abdiko en Bruselo, kaj, kiel komplemento de tiu ago, lia ermita retiriĝo en Yuste. La Monaĥejo de Yuste formis parton de la Monaĥejo de Guadalupe en la XVª jarcento. La Grafoj de Oropesa pligrandigis la konstruaĵon en la XVIª jarcento, kaj la Imperiestro Carlos elektis ĝin kiel retiron post sia abdiko. Li alvenis tien la 3-an de februaro 1557, akompanata de malmultaj personoj, kaj tie li restis ĝis la tago de sia morto, la 21-an de septembro 1558. Li vivis en la Monaĥejo tre aŭstere, sed ne tute aparta de la aferoj de l' mondo; li interkorespondis kun sia filo, jam Reĝo, Felipe la IIª.

Tiu fakto havigis lokon al la Monaĥejo en la Universala Historio.

Eble, plej elstare karakterizas tiun regionon ĝiaj sennombraj kasteloj: Medellín, Magacela, Benquerencia, Almorchón, Castelnovo, Orellana, Puebla de Alcocer, Herrera del Duque, Capilla kaj Zalamea. Calderón de la Barca eternigis tiun lastan vilaĝon per sia fama dramo "La Urbestro de Zalamea", en kiu li majstre portretis la firman karakteron de la ekstremadura vilaĝano. Tiun majstroverkon de la hispana literaturo esperantigis en 1925, E. Legrand.

Kiu ŝatas naturon en Ekstremaduro trovos apud altaj pintoj kiel Calvitero (2.401 m.) vastajn altebenaĵojn.

La plej grava riĉo de la regiono estis —kaj estas ankoraŭ— la brutaro. Badajoz okupas la unuan lokon en Hispanujo, rilate al ŝafaj, porkaj kaj mulaj gregoj, kaj Cáceres la duan rilate al ŝafaj, la trian rilate al kapraj kaj la duan rilate al abelbredado. Entute, la du provincoj rangas unuaj rilate al la nombro da bestoj kaj la pezo de la brutaro. Pri la agrikulturo, krom la paŝtejoj, kiuj nutras ne nur la propran brutaron, sed ankaŭ tiun de la altebenaĵoj de Hispanujo, de antaŭ dudeko da jaroj, dank' al la "Plan Badajoz" kaj "Plan Cáceres", kiuj baziĝas, la unua sur la teknika ekspluato de la granda rivero Guadiana, kaj la dua sur la taŭgigo de kvar malgrandaj riveroj, kiuj alfluas al Tajo, ebliĝis la irigacio de grandaj zonoj, kio transformis la regionon en unu el la plej riĉaj.

Kompreneble la industrio ne povas manki en tiu teritorio, kiun multaj hispanoj konsideris nur historia relikvo, sed kiu vivas kaj kreskas laŭ la ritmo de la nuntempa epoko. Tiel Badajoz, Mérida, Don Benito, Plasencia, ktp., vidas la impresan disvolviĝon de vastaj ĉirkaŭurboj kaj de modernaj industriaj kompleksoj, kie loĝas kaj laboras grandaj amasoj da laboristoj.

Multe ni povus paroli ankoraŭ pri tiu regiono, kie kuniĝas historio kaj arto kun rapida progreso. Sed, por bone koni Ekstremaduron, oni devas viziti ĝin. La nobla karaktero de ĝiaj loĝantoj kaptos por ĉiam vian koron.

INES GASTON



## ✱ Ni legis por vi...

KRUKO KAJ BANIKO EL BERVALO, de Louis Beaucaire. Eldonis TK, Kopenhago, 1970. 144 paĝoj, formato 21 × 15 cm, broŝurita kaj ilustrita. Prezo: 320 ptoj.

Certe ĉi tiu libro ne konvenas al pruduloj nek, kompreneble, al junaj geknaboj. Temas pri riĉa fasko de historietoj kaj ŝercoj, en kiuj rolas ĉefe la seksa vivo traktata en gaja kaj senĝena humuro. La aŭtoro montriĝas posedanto de bela, propra sprito, ĉar apud rakontoj tre konataj, jam de internacia famo, li prezentas sian personan rikolton, kiu brilas en la tiel nomataj "bervalaĵoj", en la historiet-titoloj aludantaj al Esperantaj verkoj aŭ proverboj (kaj per kiuj la konanto de nia literaturo ricevas duoblan plaĉon) kaj en kelkaj ŝercoj sencohavaj nur en nia lingvo, ĉar ili baziĝas sur vortoludoj ekskluzivaj al Esperanto.

Louis Beaucaire manipulas nian lingvon ĉiam senerare kaj kun eksterordinara esprimivo, kaj same kiel "Sekretaj sonetoj" de Peter Paneter fariĝis klasikaĵo en nia erotika beletro, "Kruko kaj Baniko el Bervalo" okupos privilegian lokon en sia speciala fako. De la aŭtoro ni atendas jam novajn montrojn de lia brila talento. Lian libron ni senhezite rekomendas al la legantoj, al kiuj plaĉas la spico, la salo, la pipro kaj la papriko en certaj aspektoj de la humura vivo.

F. de Diego

LA TRADICIA VJETNAMIO. Eldonis Fremdlingva Eldonejo, Hanojo, 1970. 172 paĝoj, formato 19 × 13 cm., broŝurita. Prezo: ne indikita.

Niaj senlacaj samideanoj de Hanojo regalas nin ĉi-foje per verko, kiu prezentas historian perspektivon de Vjetnamio, de la ŝtonepoko ĝis la 18ª jarcento, kun mencio de la kultura evoluo de la 17ª ĝis la komenciĝo de la 19ª jarcento. Kvankam oni interpretas la historion de la vidpunkto de la revolucia dialektiko, kio al kelkaj ŝajnas procedo tro partia kaj subjektiva, tamen la verko havas nedubeblan intereson, ĉar ĝi rivelas la fascinan historion de popolo apenaŭ konata en nia parto de la mondo. La lingvo estas ĝenerale bona, kaj ne valoras mencii sporadajn makuletojn.

F. de Diego

KLERECO POR HODIAŬ KAJ MORGAŬ. Eldonis "Verlag Zeit im Bild", Dresden. 68 paĝoj, formato 20 × 14 cm., broŝurita. Prezo: ne indikita.

La broŝuro temas pri la kleriga sistemo socialisma funkcianta en la Germana Demokrata Respubliko. Sendube ĝi havas por niaj pedagogoj aplikeblajn sugestojn en la kampo de la edukado. Aparte interesa estas la rubriko 'Kunlaboro de lernejo kaj gepatroj'. Leginda kaj pensiga broŝuro kun pozitivaj ideoj rilate al kelkaj problemoj, kiuj tutmonde plagas la klerigan sistemon.

F. de Diego

NI KOMEDIETAS... de Zora Heide. Eldonis 'Dansk Esperanto-Forlag' Aabyhoj, 1971. 32 paĝoj, formato 20,5 × 14,5 cm., broŝurita. Prezo: 40 ptoj.

La libreto konsistas el 8 skeĉoj verkitaj por esti ludataj en kunvenoj kaj amuzaj aranĝoj. Eble ne ĉiuj skeĉoj konvenas al ĉiuj specoj de publiko, ĉar kelkaj el ili, ĉefe "Psikoanalizo" certe ŝokos iom tro iujn personojn pro sia ne multe edifa enhavo. Tiaj farsoj ŝajnas jam eksmodaj, sed eble ie en la vasta mondo ili aperas ankoraŭ freŝaj kaj originalaj. La lingvo estas apenaŭ kritikinda.

F. de Diego

UKRAINA SOVETA SOCIALISMA RESPUBLIKO. Eldonis 'Ukraina Societo de Amikeco kaj Kulturaj Rilatoj kun Eksterlando'. 25 paĝoj, formato 20 × 15 cm., broŝurita. Prezo: ne indikita.

Informa libreto pri Ukrajno kun emfazo pri ties ekonomia, socia kaj kultura evoluo montrita per komparaj statistikaj tabeloj.

TRA SOVETA UKRAINIO. Presbulteno de 'Ukraina Societo de Amikeco kaj Kulturaj Rilatoj kun Eksterlando'. Numeroj 4-5, julio-oktobro 1970.

Revuo kun diversa kaj interesa enhavo pri temoj kaj homoj de Ukrajno, kaj ĉi-foje kun speciala parto dediĉita al la poetino Lesja Ukrainka.

*Ĉarto de Unuiĝintaj Nacioj kaj Statuto de la Internacia Kortumo.* La prezo de ĉi tiu verko aperinta en BOLETIN estas erara, ĝia prezo estas 54 pesetoj.

---

*Fundamenta Krestomatio de la Lingvo Esperanto* de D-ro L. L. Zamenhof, 17ª eldono 1954, Foto-represo 1969. The Esperanto Publishing Company, Rickmansworth, Anglujo. 442 paĝoj, tolbindita, Prezo: 252 pesetoj.

Iom prokraste ni ricevis ekzempleron de foto-represo de la 17ª eldono de Fundamenta Krestomatio, unu el la plej gravaj verkoj de Esperanto.

Kompreneble, la libron ni ne intencas recenzi, sed mi deziras atentigi al la novaj kaj malnovaj esperantistoj pri tiu nova eldono de Fundamenta Krestomatio: al la novaj ĉar, eble, ili ne konas la verkon kaj sekve, ne konscias pri la graveco de ĝia legado kaj studado; al la malnovaj, ĉar eble, por ili estas interesa la akiro de la verko en belaspekta eldono.

*Steiermark - Graz.* Jen du plurkoloraj turismaj informiloj faldformataj kaj tre bele prezentitaj, pri tiuj interesa kaj varia lando Stirio (Aŭstrujo) kaj ĝia ĉefurbo Graz. La unua estas eldonita en ses lingvoj kun Esperantlingva aldono kaj la dua en la germana kaj en Esperanto.

Eldono kaj informoj ĉe la Landa Fremdultrafika Oficejo (Landes-Fremdenverkehrs-Amt) A-8010 Graz, Herrengasse 16. Informojn donas ankaŭ la Esperanto-Societo Unueco, 8020 Graz, Eggenbergergürtel 32. E-gvidisto estas je via dispono.

*Du faldfolioj.* La mondfama, itala entrepreno aŭtomobila Fiat, kiu ordinare uzas ankaŭ Esperanton por la diskonigo de siaj veturiloj, ĵus eldonis du belajn, kolore presitajn faldfoliojn. Ili reklamas, per abundo de bildoj kaj teknikaj detaloj, la Fiat-modelojn "124-Special" kaj "124-Special T".

Ne nur pro la informoj mem, sed ankaŭ pro la uzo, ĉiam ĝusta, de multaj terminoj aŭtomobilaj en Esperanto, la faldfolioj havas grandan intereson por ĉiuj seriozaj Esperantistoj. Oni petu ilin al: FIAT. Propaganda fako. Fiat. Torino. Italujo.

LA GROTOJ de Centra Slovakio, Ĉeĥoslovakujo. — Informa faldfolio plurkolora pri la grotoj de Centra Slovakio. Informas pri la Grotoj: Vojaĝoficejoj Ĉedok.

METODIKO DE LA ESPERANTO INSTRUADO. — Rudolf Rakuŝa, Gvidlibro por Instruantoj de la Lingvo Internacia. 189 paĝoj. Prezo ne indikita. broŝurita. Eldonis: Mladinska Knjiga Ljubljana. 1970.

---

Du ekzempleroj de la koncerna verko rajtas recenzon; unu, mencion.

---

Ĉiujn verkojn recenzitajn en BOLETIN, vi povos aĉeti ĉe la Libroservo de H.E.F. I. Gastón, Paseo Marina Moreno, 35, 4.º dcha. Zaragoza.

## NOVAJ KURSOJ DE ESPERANTO

<u>*Sevilla*</u>

Nia samideano Sro. Felipe González del Pino, el Sevilla, post diversaj kontaktoj kun la Provinca Delegito de la Ministerio de Edukado kaj Scienco, kaj kun la Direktoro de Instituto de Enseñanza Media "San Isidoro", atingis permeson por okazigi kurson de Esperanto en tiu Instituto.

Post taŭga propagando kaj post aperigo de anonco pri la kurso en ĉiuj ĵurnaloj de la urbo, la kurso komenciĝis la 1-an de marto sub la gvidado de Sro. González del Pino kiel profesoro. Partoprenas ĝin 40 kursanoj, inter ili portugala samideano, loĝanta en Sevilla de antaŭ kelkaj monatoj, kiu de antaŭ multaj jaroj ne havis kontakton kun esperantistoj kaj nun profitis la okazon por denove aktivi en la movado kaj rememori la jam iomete forgesitan esperanton. Ankaŭ partoprenas la kurson tri usonanoj, la Direktoro de Usonaj Lernejoj, lia edzino kaj lia Sekretariino. Do, la kurso estas internacia.

## ESPERANTO RENASKIĜAS EN VIC

Je la fino de pasinta februaro en la urbo Vic (Barcelona) kaj ĉe la Publika Biblioteko de "Caixa de Pensions" okazis lumbilda prelego pri VEJAĜO TRA EŬROPO SEN LANDLIMOJ. Preleganto estis samideano Ramón Molera, Ĉefdelegito de UEA en Hispanujo. La multnombra publiko sekvis etente la viziton al multaj eŭropaj landoj kaj ĉefe interesiĝis pri la rolo de la internacia lingvo en la moderna vivo, faktoj dokumente prezentitaj je la fino de la prelego.

Je la sama loko oni jam malfermis la aliĝadon al la venonta kurso kiu kun pli ol 25 gelernantoj okazas ĉiuvendrede ĉe la "Jove Cambra" —str. San Fidel, 11—, organizo kiu akceptis en sia sidejo la novan viglan Esperanto-grupon.

Oni planis LETERVESPERON je la venonta monato junio kaj ĉiuj kuraĝigaj korespondaĵoj estos bonvenaj.

*Debido a la semejanza de título en dos obras de AZORIN, lo que puede ocasionar confusión, publicamos a continuación el capítulo que ha de ser traducido para el concurso.*

# LOS PUEBLOS

(Ensayos sobre la vida provinciana)

*Azorín*

## LA FIESTA

*He aquí cómo el poeta vuelve viejo a su patria*

Don Joaquín se detiene un momento en el umbral; le acompaña un criado.

—¿Cómo está usted, don Joaquín? —le dice doña Juana—.

—¿Qué tal le va a usted, don Joaquín? —le dice don Antonio—. —Sabíamos que había llegado usted esta mañana; pero ¡cómo habíamos de sospechar que viniese usted por aquí esta tarde!

—¿Y ustedes?... ¿Y ustedes?... ¿Cómo se encuentran? ¡Caramba! La verdad es que hace tiempo que no nos veíamos. Y ahora tampoco nos vemos... Digo, yo soy el que no puedo ver a ustedes.

Doña Juana ha acercado un sillón.

—Siéntese usted aquí, don Joaquín.

Don Antonio coge de la mano a don Joaquín y lo lleva hasta el sillón. Don Joaquín se sienta con cuidado, lentamente. La puerta está abierta de par en par; aparece el ancho zaguán limpio, embaldosado con losetas blancas y negras; por la calle discurre un hormiguero rumoroso de gente.

—¿Está usted parando en su casa, don Joaquín? —pregunta doña Juana—.

—Estoy en casa de mi hermana —dice don Joaquín—. Mi casa estará hecha un corral; todos los muebles estarán llenos de cucarachas, de arañas y de polvo. Hace veinte años que no se ha abierto... desde que yo me fuí. Virginia me escribe en las cartas que la limpia dos o tres veces al año; pero yo no lo creo... Además, no quiero entrar en ella; yo no puedo ver nada, y me daría tristeza el tocar, para reconocerlos, aquellos muebles que vieron mi juventud...

—De modo —dice don Antonio— que usted se ha acordado este año del pueblo y ha querido venir a ver la fiesta.

—Sí —contesta don Joaquín—, sí; he querido venir este año. Me he dicho: "Puesto que ya quizá no pueda tener otra ocasión, aprovecharemos ésta, que tal vez será la última". Y he venido a ver, es decir, a sentir el pueblo, a saludar a los buenos amigos, como ustedes...

Se oye un lejano campaneo estrepitoso, jovial; estallan cohetes en el aire; el cielo se va poniendo de un azul pálido.

Doña Juana se levanta de pronto.

—Pero usted, don Joaquín, ¿no conocerá a Lola, ni a Clara, ni a Conchita, la que apadrinó usted en Madrid?

Doña Juana se acerca al hueco de la escalera, y grita:

—¡Clara, Lola, Concha!... ¡Bajad, que está aquí don Joaquín!

—Estarán en el balcón —dice don Antonio—.

Y se asoma a la calle y exclama, mirando hacia arriba:

—Bajad, que está aquí don Joaquín.

Se oye en el techo ruido precipitado de tacones finos y menuditos; luego, en la escalera, un rumor de faldas, de voces, de risas alocadas. Y, de repente, como una aparición mágica, las tres se hallan en la entrada, serias, derechas, mirando a don Joaquín con sus grandes ojos azules, grises, negros.

—¿Vosotras no conocéis a don Joaquín? —les dice don Antonio—,

Las tres callan.

—Clara, ¿tú no te acuerdas que cuando eras pequeñita él te llevaba al jardín?

—No, no —dice don Joaquín sonriendo—; ella no se acordará. ¡Hace ya tantos años!

—Tú, Lola, sí que no te acuerdas —le dice don Antonio a Lola—; tú tenías dos años cuando él se marchó.

—Yo sí que me acuerdo de ella —dice don Joaquín—; Lola tenía los ojos azules. ¿Es verdad que los tenía azules?

Lola se pone un poco roja.

—Sí, don Joaquín, los tiene azules —afirma doña Juana—.

—¿Y Conchita? —preguntó don Joaquín—. ¿Esta aquí?

—Aquí está, delante de usted —contesta don Antonio—.

—Conchita —dice don Joaquín—, yo soy el que te tuvo en la pila del bautismo hace quince años.

—Sí, don Joaquín —dice Conchita—; ya sé que es usted mi padrino.

—Ella me pregunta muchas veces por usted —dice doña Juana—.

—Yo no puedo verte, Conchita —dice don Joaquín—. ¿Cómo eres? ¿Cómo es Conchita?

—Es alta y delgada —contesta doña Juana—.

—¿Cómo tiene el pelo?

—El pelo es rubio y largo.

Las mejillas de Conchita se encienden con vivos carmines.

—¿Y los ojos? ¿De qué color son los ojos?

—Los ojos son entre grises y verdes; unas veces parecen grises y otras verdes.

—¿Y la boca?

—La boca es pequeña y con los labios rojos.

—Conchita —exclama don Joaquín—, eres una linda muchacha, y yo estoy contento por haberte tenido en mis brazos cuando contabas ocho días... Y vosotras también lo sois, Lola y Clara; pero yo no puedo veros a ninguna...

Una criada entra llevando en las manos una ancha bandeja llena de flores.

—Ya están aquí las flores —dice Lola—.

—¿Han traído flores? —pregunta don Joaquín—.

—Son las flores que hemos de tirar cuando pase la Virgen —contesta Clara—.

—¿Qué flores son? —torna a preguntar don Joaquín—.

—Son rosas, claveles y jazmines —contesta Lola—.

—Toque usted, don Joaquín, toque usted —dice Conchita, poniéndole la bandeja delante—.

—Conchita —dice don Joaquín extendiendo sus manos blancas, sutiles, y pasándolas con cuidado sobre las rosas, los claveles y los jazmines—, Conchita, has hecho cuanto puede apetecer para su consuelo un viejo poeta que ha amado las flores y que ya no puede verlas...

Prosigue a lo lejos el volteo loco y jovial de las campanas; estallan cohetes; se oye una música; el cielo diáfano se ha tornado oscuro, y parpadean las primeras estrellas.

Don Antonio se levanta de pronto y grita:

—¡Rafael! ¡Rafael!

Rafael se acerca y entra en el zaguán. Es un labriego; es el mayoral que don Antonio tiene en la Umbría.

—Rafael —le pregunta don Antonio—, ¿os vais esta noche, después de la procesión a la Umbría, o mañana por la mañana?

—Esta noche queremos ver los fuegos —contesta Rafael—; nos iremos mañana.

—Oye —observa don Antonio—, esta semana tendréis que labrar todas las piezas de la Herrada... meted bien las rejas en los cornijales. Y tendréis también que acabar de recoger toda la almendra que queda.

—Este Rafael —pregunta don Joaquín—, ¿será el hijo del tío Rafael, el mayoral que ustedes tenían antes?

—Sí, es el hijo —contesta don Antonio—.

—Rafael —le dice don Joaquín—, ¿tú no te acordarás de mí? ¿No te acuerdas de don Joaquín, verdad?

—No, señor, no —contesta Rafael con aire confuso, rascándose la cabeza—.

—Eras tú un mozuelo cuando yo iba a la Umbría... Dime, ¿hay aún delante de la casa aquellos olmos grandes? ¿Están hermosos? ¿Están verdes?

—Sí, aún están —contesta don Antonio—.

—Y ¿hay en ellos muchas cigarras? ¿Unas cigarras que cantan mucho? ¿No es cierto?

—¡Ya lo creo que cantan! —exclama Rafael—. Todo el día se lo pasan cantando. Los chicos les tiran piedras para que callen; pero yo les digo que las dejen, que ya vendrá el invierno y se morirán...

—Es verdad —replica don Joaquín—. Ya vendrá el invierno y se morirán...

Y para sí piensa: "Nosotros los poetas somos como las cigarras; si las calamidades y desgracias de la vida nos dejan, cantamos, cantamos sin parar; luego viene el invierno, es decir, la vejez y morimos olvidados, desvalidos".

Resuenan los estallidos de los cohetes; la procesión se acerca. Pasan bailando unos enanos; la dulzaina hace: *ti, tirí, ti*; el tambor hace: *tan, tarán, tan*...

*Akcepto ĉe la Lordurbestro*

La alta protektanto de la Kongreso invitis ducent reprezentantojn de la Universala Kongreso renkonti lin kaj aliajn altrangajn urbkonsilistojn lunde, la 2-an de aŭgusto 1971. La LKK decidis transdoni la invitilojn al la komitatanoj de UEA, membroj de la Akademio, prelegontoj de Internacia Somera Universitato kaj kelkaj aliaj aktivuloj de la movado.

*Filatela ekspozicio ĉe la UK!?*

La Loka Kongresa Komitato volonte akceptos proponojn de individuoj aŭ grupoj filatelistaj por elmontri interesajn (laŭtemajn) kolektojn de poŝtmarkoj kaj event. poŝtstampoj. Preferataj estos jam pretaj aranĝoj kun rilato al Esperanto, lingva problemo aŭ la kongreslando.

*Aplaŭdoj por la sonbendo*

Vere sukcesa fariĝis la reklama kaj propaganda sonbendo pri Londono preparita de LKK-ano Peter Schilperoord (1, Heron House, Church Grove, Hamton Wick, Kingston upon Thames, Surrey, Britujo). Dum mallonga tempo alvenis multaj mendoj el diversaj landoj. Novaj mendoj por la sonbendo, same kiel por la kongresa afiŝo (ruĝkolora londona aŭtobuso) estas bonvenaj ĉe la supra adreso.

---

## 56 Congreso Universal de Esperanto

Londres, 31/7 - 7/8, 1971

Viaje organizado por la Sección de Turismo de la Federación Española de Esperanto en colaboración con la Delegación de Viajes MELIA, en Zaragoza.

31 - 7 - 71

A mediodía, salida en avión JET "T" de Barcelona a Londres.
Almuerzo a bordo.
Llegada a Londres, aproximadamente, a las cuatro de la tarde.
Cena y alojamiento en el Hotel.

1 - 8 - 71 al 6 - 8 - 71

Medias pensiones en el Hotel.

7 - 8 - 71

Desayuno en el Hotel.
A mediodía, salida en avión JET "T" de Londres a París.
Almuerzo a bordo.
Llegada a París, aproximadamente, a las tres de la tarde.
Cena y alojamiento en el Hotel.

8 - 8 - 71 y 9 - 8 - 71

Medias pensiones en el Hotel.

10 - 8 - 71

Desayuno en el Hotel.
A mediodía, salida en avión JET "T" de París a Barcelona.
Almuerzo a bordo.
Llegada a Barcelona, aproximadamente, a las tres de la tarde.
Precio del viaje por persona: En habitación doble con baño, 16.160 pesetas.
Precio del viaje por persona: En habitación individual con baño, 18.000 pesetas.

Categoría de los Hoteles 1.ª B.
Informes e inscripción, en la Sección de Turismo de la Federación Española de Esperanto. Inés Gastón, Paseo Marina Moreno, 35, 4.º dcha. Zaragoza.
Se admiten inscripciones hasta el 15 de junio de 1971.

# INFORMOJ PRI LA 57ª UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Portland (Oregon), 29.7 - 5.8.1972

Alta Protektanto: Governor Tom McCall, Estro de la ŝtato Oregon.
Konstanta Adreso: Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam-3002, Nederlando.

*Aliĝiloj kaj glumarkoj*

Novaj aliĝiloj por la kongreso estas senpage riceveblaj ĉe la konstanta adreso de la kongreso. Estas riceveblaj ankaŭ 3-koloraj propagandaj glumarkoj ĉe la Libroservoj je prezo de po 0,50 gld por dek-marka folio.

*Internacia Karavano*

Jam pli ol 50 personoj el 10 landoj aliĝis al la aviadila karavano de UEA al Portland. Tiuj, kiuj ankoraŭ deziras profiti de la reduktita prezo de la flugo anoncu sin al F-ino M. H. Vermaas, komisiito por specialaj taskoj de UEA, Nieuwe Binnenweg II R, Rotterdam-3002, Nederlando.

*Propagando pri la kongresurbo*

Faldfolioj pri la urbo Portland kaj hotelo Hilton (la kongresejo) kun interesaj kaj utilaj informoj pri la prezoj, manĝaĵoj kaj loĝeblecoj estas riceveblaj ĉe la konstanta adreso de la kongreso. Generale oni povas konstati, ke la prezoj en Portland estas multe malpli altaj, ol en Novjorko, kaj fakte eĉ pli malaltaj ol en aliaj mondaj urbegoj.

*Loĝeblecoj*

Laŭ favora aranĝo kun la estroj de Hilton-hotelo en Portland, la hotelo servos kiel senpaga kongresejo kondiĉe, ke almenaŭ ducent kongresanoj mendos la liton en tiu hotelo. Apudaj eblecoj estas la litoj en Universitato de Portland kaj en Viking Hall de Portland State University. La detalojn anoncos la Oficiala Bulteno.

*Postkongreso en San Francisco*

La oficiala postkongreso de la 57-a UK okazos de la 6-a ĝis la 13-a de aŭgusto 1972 en San Francisco sub la patroneco de la Urbestro. Kolora reklamfolio kaj detalaj informoj estas riceveblaj ĉe Esperanto - Informcentro, 410 Darrell Road, Hillsborough, California 94010, Usono.

*Simbolaj aliĝoj*

Esperantistoj, kiuj ne mem partoprenos la Universalan Kongreson en Portland, havas la eblecon manifesti sian moralan kaj financan subtenon al la Kongreso per simbola aliĝo. La nomoj de simbolaj aliĝintoj estos enskribitaj en la Kongresa Libro de la 57-a UK. kaj ili ankaŭ ricevos ĉiujn presaĵojn de la UK. La minimuma kontribuo por la simbola aliĝo estas 30 gld.

---

## HISPANA TURISMA ESPERANTO-SEKCIO

Sekcio de H.E.F.

Kiel anoncite en BOLETIN —novembro-decembro 1970— la Hispana Turisma Esperanto-Sekcio en kunlaboro kun Delegación de Viajes MELIA en Zaragoza, organizas komunan flugvojaĝon al Portland (Oregon - Usono), por partopreni en la 57ª Universala Kongreso de Esperanto, okazonta de la 29ª-7 ĝis la 5ª-8-1972.

En venonta numero de BOLETIN, ni informos pri la programo de la vojaĝo kaj ties prezo.

Informojn pri la vojaĝo vi povos ricevi de la Turisma Sekcio de Hispana Esperanto-Federacio, ĉe Inés Gastón, Paseo Marina Moreno, 35, 4.º, Zaragoza-Hispanujo.

---

## ESPERANTO EN KOMERCO KAJ TURISMO

En la urbeto Cullera, nia aktiva samideano José López Plazas ĵus starigis informan oficejon "Esperanto", kiu celas helpi nian movadon per siaj servoj.

Bonan sukceson al lia entrepreno, kies adreso estas:

Apartado 29
CULLERA (Valencia)

## *56 UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO*

Okazonta en Londono de la 31a, 7 ĝis la 7a, 8, 1971

Sub la Alta Protektado de Lordurbestro de Londono Sir Peter Studd.

Konstanta adreso: Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam - 3002, Nederlando.

Unua Bulteno kaj Aliĝilo:

Kvarpaĝa, grandformata, ilustrita Unua Bulteno kaj samtempe la aliĝilo por Londono estas senpage riceveblaj ĉe la konstanta adreso de la Kongreso, ĉe la kongresa peranto, Sro. Ramón Molera, Ĉefdelegito de U. E. A. en Hispanujo, str. Santa Joaquina, 13. MOYA (Barcelona) kaj ĉe la Hispana Esperanto-Federacio.

*Statistiko* (31.3.1971)

Entute 1391 aliĝintoj el 35 landoj. (el Hispanujo 44.)

## *INTERNACIAJ FERIAJ ESPERANTO-KURSOJ*

Helsingor, Danlando

25/7 - 1/8 1971

1) Elementa Kurso, 2) Konversacia Kurso, 3) Perfektiga Studrondo, 4) Prepara Kurso por Friis-metodaj geinstruistoj.

Ankaŭ estos bonvenaj feriaj gastoj en ĉi tiu semajno.

*Aŭtunaj Feriaj Kursoj* okazos de la 17-a ĝis la 23-a de oktobro 1971 en la altlernejo JUNAJ HEJMOJ ĉe Arhus, bela regiono ĉe maro kaj arbaro.

Informoj: Sro. L. Friis, Ingemannsvej 9, DK-8230 Abyhoj, Danlando.

## *INTERNACIAJ ESPERANTO KURSOJ KAJ FERIOJ EN BULGARIO*

Dudek-tagaj Internaciaj Esperanto-Kursoj:

1. *Por gelernantoj en ripozloko "Pisanica" apud urbo Smoljan*

a) De la 12-a ĝis la 31-a de julio 1971 - por gelernantoj ĝis la 15-a jaraĝo.

b) De la 2-a ĝis la 21-a de aŭgusto 1971 - por gelernantoj ĝis la 19-a jaraĝo.

En ambaŭ kursoj estos grupoj por komencantoj kaj progresantoj.

2. *Por aliaj dezirantoj en altmontara ripozloko "Pamporovo"*

De la 2-a ĝis la 21-a de aŭgusto 1971 - estos grupoj por komencantoj, progresantoj kaj instruistoj.

*Dekkvartagaj Internaciaj Esperanto-Ferioj en ripozloko "Pamporovo"*

De la 6-a ĝis la 19-a de septembro 1971 - okazos pedagogia seminario, kursoj por lernado kaj ekposedo de Esperanto - nur por dezirantoj.

Detalajn informojn sendas DISTRIKTA ESPERANTISTA KOMITATO en urbo Smoljan, Bulgario.

D. L. Z. - 375 - 63